XII^a jaro. N° 183 (11) ☆ Monata ☆ 5 novembro 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**JARA ABONO**

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— **Frankoj** (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 **Frankoj** (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I.824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

V

Resumo de la antaŭaj artikoloj: Ekzameno de la vidpunkto, kiu dependigas la solvon de la pacproblemo el individua aŭ socia transformiĝo, religia, ekonomia, politika aŭ kultura. Tiu vidpunkto malatentas la veran karakteron de la pacproblemo, kiu ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro, t. e. komune akceptitaj jurprincipoj pri la interŝtataj rilatoj, kaj la necesaj trudrimedoj, t. e. internacia armeo. La respekto de la juro estas efiko de la ekzisto de trudforto. Ekzameno de kelkaj okazintaj konfliktoj. Diferenco inter pretekstoj kaj veraj kaŭzoj. Oni povas taksi la valoron de la arbitracia rimedo, nur se oni konsideras la konfliktojn laŭ ilia vera karaktero, ne laŭ la pretekstoj.

La apliko de la arbitracio ĉiam estis la ĉefa punkto de la pacifista celado. Sed krom tio estis formulitaj diversaj aliaj postuloj celantaj daŭre plibonigi la interŝtatajn rilatojn. Sub la influo de la lastaj okazintaĵoj, kelkaj pacifistaj grupiĝoj interkonsentis pri minimuma programo, kiun ni rajtas konsideri kiel la plej freŝan esprimon de la pacifista doktrino. Jen, ekzemple, la proponoj pri kiuj unuanime interkonsentis la Konsilantaro de la Pac-Oficejo:

1e Interveno de la neŭtralaj ŝtatoj en la starigo de la estonta paco.

2e Respekto al la rajto de la popoloj libere decidi pri ilia destino. Neniu aneksado okazos sen la libera interkonsento de la loĝantaro. En la landoj kun pluraj gentoj, la rajtoj de la malplimultoj devos esti garantiataj.

3e Organizado de internacia konstanta juĝantaro.

4e Limigo de la armado. Eksproprigo de la militilfabrikejoj.

5e Senkaŝa diplomatio. Nuleco de la sekretaj traktatoj kaj de ĉiuj konvencioj ne aprobitaj de la balotitaj popolreprezentantoj.

6e Forigo kaj malpermeso de ĉiu ataka aŭ defenda kunligo.

7e Reĝimo de la libera komerco por la kolonioj. Paŝoj al la libera komerco inter la ŝtatoj. Forigo de ĉia komerca privilegio je la profito de ŝtato aŭ ŝtatgrupo.

8e Ĉiulanda starigo de punleĝoj kontraŭ la kalumnioj kaj insultoj direktataj per la gazetaro aŭ ĉiu alia rimedo kontraŭ la fremdaj nacioj.

9e Kunvoko de la Pac-Konferenco, kiu antaŭ ĉio fiksu sian konstantan karakteron kaj regulan kunsidadon.

La minimuma programo, kiun voĉdonis la internacia kunveno iniciatita de la Nederlanda Kontraŭmilita Ligo enhavas similajn postulojn.[1] Ĝi plie proponas la starigon de konstanta Internacia Konsilantaro de Enketo kaj Perado, la forigon de surmara ŝtelakiro kaj la certigon de libera maro.

Por ĉi tiu studo ni uzos la programon ellaboritan de la Internacia Pac-Oficejo, kiu, kiel sciate, estas la konstanta plenuma organo de la ĉiulandaj pacifistaj organizaĵoj.

La unuan deziresprimon ni flanke lasos, ĉar ĝi ne havas principan ĝeneralan karakteron, sed rilatas pli speciale la preparadon de la venonta pactraktato.

La dua propono, kontraŭe, starigas gravegan principon, kies apliko tute transformus la tradician ŝtatpolitikon kaj komencus novan epokon en la vivado de la popoloj. Ĝi

[1] Vidu „*Esperanto*", junio 1915, paĝ. 64 (4).

ja permesus solvi ĉiujn interŝtatajn politikajn konfliktojn, kaŭzitajn de reciprokaj pretendoj je teritorioj loĝataj de civilizitaj popoloj. Tiu principo apogas sin ne sole sur teoria jurkompreno, sed ankaŭ kaj precipe sur la historia sperto kaj la psikologio de la popoloj.

En la daŭro de la antaŭaj jarcentoj la aneksado de landpartoj sen la konsento de ilia enloĝantaro ŝajnis fakto normala, tute konforma al la militleĝoj, kiuj lasas la venkiton je la plena povo de la venkinto. Eĉ ofte tiaj aneksoj okazis meze de la indiferenteco de la koncernaj enloĝantoj, kiuj, senrajtaj, malkleraj, malliberaj, havantaj pure lokan patriotismon, ne multe interesiĝis pri la ŝanĝo de siaj malproksimaj estroj, se nur ili povis konservi siajn kredojn, siajn kutimojn, siajn bienojn. Nur kiam la almilitinto minacis trudi aliajn vivregulojn aŭ pretendis aliigi je sia profito la dispartigon de la bienoj, la almilita popolo ekkonsciis pri sia personeco kaj sentis ĝermi en si mem la amon al la subpremata patrujo kaj la malamon al la entrudema invadinto.

Sed en la pli lastaj jarcentoj grava transformiĝado okazis: el la feŭda ĥaoso eliris iom post iom la modernaj nacioj, kiuj fariĝis pli kaj pli firmaj kaj kompletaj organismoj. Je tiu evoluo respondas paralela evoluo de la loka patriotismo al la nacia patriotismo, kiu tra la severaj frapoj de la historio profunden enfiksiĝis en la kolektiva animo de la popoloj. Nuntempe la aneksado de civilizitaj teritorioj kontraŭ la volo de iliaj loĝantoj vekas ĉe multaj homoj senton de indigno kaj kompato, ĉar ili jam konscias, ke la nacieco estas ne sole jura fakto, sed precipe spirita bieno, kiun atenci estas barbare kaj absurde.

En pasinta epoko ŝajnis tute memkompreneble, perforte trudi ian religian kredon al la homoj, kiuj havis alian. Riveroj de sango fluadis ĝis oni konvinkiĝis je la psikologia neebleco perforte ŝanĝi profunde enradikigitan kredon. El tiu severa sperto rezultis relativa tolerado. La nacieco fariĝis vera kredo, kiun ne plu povas aliigi la forto de la armiloj. Oni ja ankoraŭ aneksas loĝantaron je politika kaj ekonomia vidpunkto, tio estas en ekstera maniero; la forto de la armiloj decidas novan juran staton, sed ĝi ne estas kapabla efiki je la animo de la popoloj en tia senco, ke ĝi detruu la malnovan kredon kaj anstataŭu ĝin per alia. Tio tute ne signifas, ke la naciaj sentoj estas neŝanĝeblaj. Sed tiu ŝanĝebleco dependas de diversaj psikologiaj faktoroj, ne de la perforto. Vane oni plimultigos la severajn leĝojn, vane oni penos atingi la ribelan popolon en la uzo de ĝia lingvo, vane oni elŝiros ĝiajn infanojn por detrui en ilia animo la instinktan amon al ilia vera patrujo, vane oni minacos la homojn en iliaj bienoj kaj en ilia agado — oni sukcesos subpremi, sed oni ne atingos asimilon, ĉar tiu ĉi ĉiam estas memvola kaj senkonscia. La subpremata popolo restos tia, kia ĝi estos, kurbigita sub la jugo de la pli forta, sed preta kapti ĉiun okazon por sin liberigi je la almilitinto. Tiel, ĉia aneksado plenumita sen antaŭa konsento de la interesuloj, havas en si mem la ĝermon de estonta revenĝa aŭ liberiga milito; ĝi estas la kreanto de la grandaj interpopolaj malamoj, kiuj malgraŭ la sango verŝita sur la batalkampo rapide ŝanĝiĝus en indiferentecon, se la plendoj de la subpremata popolo ne vivigus kaj preterdaŭrigus tiun malamon.

Grava demando estas, ĉu la apliko de tiu principo ne estus kontraŭa je la progresado de nia civilizacio, kiu postulas, ke regu la pli kapablaj popoloj super la tiel nomataj civilize malsuperaj gentoj. Teorie, tiu postulo ŝajne kontraŭstaras je la memrega rajto, laŭ kiu ĉiu popolo povas libere disvolviĝi laŭ sia propra genio. Sed ekzistas nenia jurprincipo, kiu ne suferas limigon. En ĉi tiu okazo, la nomita rajto estas aplikebla ĝis tia grado, ĉe kiu ĝi ne kolizias kun pli alta neceseco, nome la konservado kaj progresado de nia komuna civilizacio. Sekve, oni ne povas paroli pri ĝia absoluta apliko je la gentoj, kiuj ne estas ankoraŭ sufiĉe civilizitaj por ke ili povu per memstara ekzisto partopreni je la altaj kulturtaskoj de la homaro.

La ordo estas la necesega kondiĉo de la disvolviĝo de la civilizacio, ĉar ĝi certigas la sekurecon, kiu permesas al la homo dediĉi lian energion al kreada laboro. La rajto de la popoloj je memregado, fiksita en konformeco kun la superaj interesoj de la civilizita naciaro, estas principo de ordo; kontraŭe, la rajto de almilito kaj arbitra aneksado eternigas la internacian anarkion, t. e. la sistemon, el kiu la milito estas neapartigebla.

Sed oni ne devas forgesi, ke tiu ĝenerala principo, kvankam ĝi havas teorie sufiĉe multajn aprobantojn, ankoraŭ tute ne estas alprenita de la ŝtatistoj kaj popolgvidantoj. Ĉe ili regas ankoraŭ tia simila pensmaniero, kia regis antaŭ kelkaj jarcentoj, kiam la aneksado de teritorioj sen konsento de la veraj interesuloj aperis kiel tute normala fakto. Verdire, kelkaj ŝtatistoj okaze subtenas kun energio tiun principon, kiam ili supozas, ke de ĝia apliko en difinitaj cirkonstancoj povus rezulti pligrandiĝo de ilia propra lando, sed akcepti ĝin kiel ĝeneralan regulon, je kiu ili devus konformiĝi en ĉiuj cirkonstancoj, ili ne volas. Tiu sintenado rezultas el la profunde enradikigita kredo, ke la aneksado de teritorioj estas rilate al la almilitinto grava profito kaj prestiĝkresko. Ĉar sekve de la internacia anarkio, la intereso nacia estas la supera kondutregulo de ĉiu ŝtatisto, tiu lasta juĝas, ke vera krimo kontraŭ la nacio estus la fakto ne aneksi al ĝi teritoriojn, kiujn li opinias utilaj je diversaj vidpunktoj, aŭ ne perforte subpremi la sentojn de loĝantaro, kiu dezirus aparteni al alia politika organismo. La sola limigo je tiu teritoria ekspansio rezultas, ne el la respekto de la moralo aŭ de la juro (la moralo ne ekzistas en la politiko, kaj la juro internacia ne estas fiksita), sed el la ĝeneralaj politikaj kondiĉoj kaj je la kontraŭaj fortoj.

La supozataj profitoj de la aneksadoj povas esti konsiderataj je tri diversaj vidpunktoj: ekonomie, ĉar la akiro de teritorioj povas havigi al la almilitinta ŝtato gravajn enspezojn, novajn vendokampojn por ĝia komerco, krudan materialon de ĝi bezonatan por la industrio; politike, ĉar per tio la potenco de la venkinta nacio pligrandiĝas, kaj ĝi sekve povas atingi novajn profitojn sur la kampo de la mondpolitiko; militiste, ĉar la armeo de la almilitinto plivastiĝas je la armeo de la almilitito kaj aliparte ĉar el la aneksado povas rezulti pli bona strategia landlimo dank' al kiu kreskas la sekureco de la konkerinta nacio.

Kelkaj aŭtoroj penis pruvi, ke, kontraŭe, la almilito de fremdaj teritorioj tute ne estas profitfonto rilate al la konkerinto; ĝi estas pli vere kaŭzo de malprofito kaj malfortiĝo. Ekonomie, la konservado kaj defendado de okupita landparto postulas elspezojn ofte superajn je la pliaj enspezoj; aliparte, ĉar nuntempe la privataj posedaĵoj ne estas konfiskataj kaj la venkitoj restas liberaj uzi laŭ sia plaĉo siajn laborrimedojn, la nova teritorio estas por la almilitinto ne sole nova vendokampo, sed ankaŭ nova konkurokampo, ĉe kiu la interesoj de la produktantoj apartenantaj al la konkerinta lando kontraŭstaras kun la samceloj interesoj de la produktantoj el la almilita teritorio. Politike, la aneksemo vekas la malfidon de la najbaraj ŝtatoj, kiuj por siavice eviti malpligrandiĝon tendencas kunligiĝi por malhelpi plian ekspansion de la aneksinta nacio. Ofte ankaŭ la almilitita loĝantaro estas inklina ribeli aŭ almenaŭ politike agitadi kontraŭ la venkinto. Fine, militiste, la konkerinto nepre bezonas potencan armeon por defendi la akiritan landon kaj kontraŭstari al la danĝero, kiu rezultas el la kunligo de la najbaraj nacioj timigitaj de ĝia ambicio.

Inter la aŭtoroj, kiuj volis pruvi, ke la aneksado havigas nenian profiton al la venkinto, oni devas citi Norman Angell,

kies verko, „La Granda Iluzio“, aperinta antaŭ kelkaj jaroj, ĉie vekis gravan intereson. Tiu aŭtoro konsideras, ke tiu demando estas la kerno de la pacproblemo; laŭ lia opinio, nur kiam la ĉiulandaj ŝtatistoj estos konvinkitaj pri la materia senutileco de la almilito, ili ĉesos konduki politikon militeman.

Tamen, ni kredas, ke ne povas esti tute konvinka la demonstracio de la respektivaj profitoj kaj malprofitoj rezultantaj el la konkerado, speciale je ekonomia rilato, ĉar la elementoj, kiujn oni devas prikonsideri ĉe la ekzameno de tiu demando, estas tiel diversaj kaj multflankaj, ke estas malfacile atingi tute objektivan konkludon. Oni, ekzemple, ja povus — eĉ tio estus malfacila — starigi la kalkulon de la elspezoj, kiujn faris ŝtato por almilitita teritorio, sed estas neeble difini la enspezojn, ĉar inter la enspezantoj estas ne sole la ŝtato, sed privataj individuoj el la konkerintoj, kiuj realigas gajnojn, kies taksado estas neebla, tial ke la interesuloj certe ne favorus la rilatajn esplorojn. Do, eĉ nur je la financa vidpunkto, estas tre malfacile starigi ĝustan bilancon de konkerajo. En alia rilato, oni devus zorge prikonsideri la geografiajn, ekonomiajn kaj kulturajn kondiĉojn de la aldonita lando, kiuj estas ekstreme variaj kaj ofte tre diverse takseblaj. Povas eĉ esti, ke laŭ la okazoj ambaŭ supre resumitaj tezoj estas pravaj: el ekonomia vidpunkto, almilitajo estus utila en kelkaj okazoj kaj malutila en aliaj. Cetere, akordigi ambaŭ tezojn ŝajne kontraŭajn estas eble, se oni difinas tion, kion oni nomas „profito de la ŝtato“. Ŝtato konsistas el pli-malpli vasta grupiĝo de individuoj, kaj la ĝuo, kiu rezultas el la ŝtatprofito ekzistas, nur se ĝi estas dispartigata inter individuoj. Nu, estas certe, ke la profitoj de la ŝtato — se estas profitoj — tute ne estas egale dividataj inter ĉiuj ŝtatanoj. Nur certaj rondoj, kiuj pli proksime rilatas je la regado de la ŝtato, partoprenas je la gajnoj. En tiu senco, oni povas aserti, ke venka milito tute ne plialtigas la ekonomian bonstaton de la popolamaso mem, sed nur de certaj klasoj.

Sed alia pli grava vidpunkto estas konsiderinda. La ideo, ke ŝtato almilitas nur por ekonomia gajno, devenas el la malĝusta ĝenerala doktrino, laŭ kiu la materiaj interesoj gvidas la homon. Ni ja scias, ke pli potencaj ol tiuj interesoj estas la ideoj kaj la sentoj. Same rilate al la ŝtatoj, kiujn kondukas homoj de la sama esenco kiel la aliaj individuoj. Multaj ŝtatoj ofte almilitis teritoriojn ne por sin pliriĉigi — la aneksaĵoj estis kaŭzo de ekonomia malriĉiĝo — sed por aliaj celoj, kiuj ne havas materian karakteron, ekzemple ĉu por kunigi samgentajn popolojn, ĉu por kreskigi sian politikan influon kaj militistan potencon, ĉu simple por malhelpi, ke alia ŝtato okupu la koncernan teritorion. Tiu ĉi lasta okazo estas ofta, kiam temas pri lando nekapabla sin mem regi kaj sekve fatale destinata por esti okupata de alia ŝtato. La almilitado estas do pli ofte kaŭzata de prestiĝemo kaj influemo, t. e. psikologiaj faktoroj, ol de gajnemo, kvankam, kompreneble, ĉe ĉiu anekso ekonomiaj elementoj ankaŭ ne estas malzorgataj.

Ĉu oni do ne povas pruvi, ke almilitoj estas malutilaj? Je la pure nacia vidpunkto, kun niaj tradiciaj ideoj, tiu pruvado ne estos facile akceptata. Sed oni neniam povos solvi la pacproblemon, se oni ĉion juĝas laŭ la nacia kriterio. Ni devas prikonsideri la demandon pri la almilito tra la intereso de la homaro, aŭ, prefere, de la civilizacio. Tiam facile estas pruvi la malutilon de la konkeremo. La progresado de la civilizacio postulas ordon kaj sekurecon. La almilitado, kiu senĉese naskadas novajn militojn kaj daŭrigas ĝeneralan staton de malsekureco, estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de la tuta homaro kaj, sekve, de *ĉiuj* nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo ol ĉe la nuna ĥaosa reĝimo. Tiel same la socio malpermesas kaj punas la ŝtelon, ĉar, forigante ĉian sekurecon, ĝi malhelpas la homon produkti, kaj sekve malutilas al la tuta socio, t. e. al ĉiuj socianoj kune, kvankam je la individua vidpunkto, oni ne povas nei, ke la ŝtelinto havas tujan materian profiton. Nur per ŝtata asociiĝo la homoj povis efike malpermesi la ŝteladon, ĉar ili, pro sia kuniĝo, havis rimedojn por trudi sian kolektivan volon konforman al la ĝenerala socia intereso. Simile, nur per asocio ilin ĉiujn unuigonta, la nacioj povos forigi la almilitemon. Oni do konstatas, ke la forigo de la almilitoj kaj la respekto al la popolrajto je memekzisto postulas asocion de la nacioj, t. e. interŝtatan organizon.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## Ĉu la pacifismo bankrotis?

*Dekduo da veroj*

S-ro D-ro Alfred H. Fried, unu el la kondukantoj de la pacifista movado, redaktoro de la revuo „Blätter für zwischenstaatliche Organisation“ (Folioj por interŝtata organizo), aperanta en Zürich, kaj Esperantisto jam de malnova tempo, petas nin aperigi la jenajn klarigojn, kiuj koncize respondas al multaj nun aŭdataj kritikoj kontraŭ la pacifismo.

*Ne estas vera,* ke la pacifismo bankrotis. *Pli vera estas,* ke bankrotis la sistemo de la interŝtata anarkio, kiu devas cedi lokon al ordigita ŝtata sistemo por malebligi estontajn militojn.

*Ne estas vera,* ke la interpopola juro montriĝis kiel ĥimero. *Pli vera estas,* ke ĝuste la ekflamiĝinta malaprobo pri ĝia ofta malrespekto dum tiu milito, pruvis ĝian necesecon, per kio povus maturiĝi la rimedoj ĝin garantiantaj je pli alta grado por estonta tempo.

*Ne estas vera,* ke la internacia kunlaboro estas malhelpata por ĉiam per tiu ĉi milito. *Pli vera estas,* ke sur la kampoj de la scienco, de la komerco, de la interrilatoj, de la sanitara protektado, de la socia prizorgo, k. t. p. neniu popolo povas resti sole, kaj ĉiu el propra intereso devas serĉi la kunlaboron kun aliaj popoloj.

*Ne estas vera,* ke la pacifistoj alcelas je tro frua pactraktado kaj serĉas sugestii la publikan opinion al tio. *Pli vera estas,* ke ili, malgraŭ sia bedaŭro je la milito, estas konsciaj pri la fakto, ke ĝi devas esti kondukita al tia fino, kiu garantias al ĉiuj popoloj daŭran pacan certecon.

*Ne estas vera,* ke la ĝisnuna interkonsenta laboro de popolo al popolo montriĝis kiel trompo. *Pli vera estas,* ke tiu laboro, se ĝi ne estus interrompita de la militeksplodo, estus evitiginta la militon kun la tempo.

*Ne estas vera,* ke la verko farita en Hago estas vanta hipokritaĵo. *Pli vera estas,* ke ĝuste la nuna milito montras, kiel multe la ŝtatoj estas devigataj, rilati al la laboro de ili farita en Hago kaj postuli ĝian atenton, tiel ke oni povas supozi, ke la popoloj estonte montriĝos pli favoraj ol antaŭe al la pacgarantioj entenataj en tiu verko.

*Ne estas vera,* ke la pacifistoj jam kredus, ke alvenis la „eterna paco“ kaj estus refutitaj per la eksplodo de la milito. *Pli vera estas,* ke ili ne kredis la pacon certigita, ĉar alie ili estus ĉesigintaj sian laboron. Ili ĝuste laboris, ĉar ili konis la minacantan danĝeron, por kies evitigo ili nur maturigis la rimedojn.

*Ne estas vera,* ke la pacifistoj ĝenerale aspiras „eternan pacon“. *Pli vera estas,* ke ili aspiras al ia, per la juro, per reciproka cedemo kaj reciproka konfido certigita — se ankaŭ ne „eterna“ — kunrilato de la kulturŝtatoj.

*Ne estas vera*, ke la pacifistoj rekomendis al sia patrujo la „malarmadon“ tiel, ke tiu ĉi nun estus sendefenda. *Pli vera estas*, ke ili ĝenerale neniam parolis pri „malarmado“, sed nur pri sammezura, de ĉiuj ŝtatoj entreprenita haltigo de la vetkonkuro de l' armadoj.

*Ne estas vera*, ke la pacifistoj aspiras al fantaziaĵo, kiun oni nomas „Unuigitaj ŝtatoj de Eŭropo“. *Pli vera estas*, ke ili pensas al libervola kunligo de suverenaj ŝtatoj, dank' al kiu la interŝanĝo de propra povo kontraŭ devoj de la aliaj donas organizan fundamenton por la familio de la popoloj.

*Ne estas vera*, ke la pacifistoj havas la opinion, ke ĉiu malkonsento povus esti forigata per arbitracia tribunalo. *Pli vera estas*, ke ili estas konvinkitaj, ke ankaŭ la plej gravaj intereskonfliktoj per reciproka cedemo, per prokrasto de la konfliktaĵo kaj ĝia esploro povus pace esti solvitaj, ĉefe tiam, kiam la ŝtatsistemo garantianta la reciprokan sekurecon forprenos al la konfliktoj ilian danĝeran karakteron.

*Ne estas vera*, ke estas sole la armadoj, kiuj certigas la pacon. *Pli vera estas*, ke guste tiu armado, pligrandigita ĝis netolerebleco, ekflamigis lastfine aŭtomate tiun mondmiliton.

*A. H. Fried.*

## Konferenco de neŭtraloj

Kiel oni jam povis vidi en noto sur paĝo 104 de la septembra N-ro de *„Esperanto“*, la Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito, unuanime akceptis la proponon de l' estraro: Ke la Nederlanda Registaro iniciatu Konferencon kunvokotan por la pacinteresoj, je kiu ĉeestos, ĝis la fino de l' milito, specialaj reprezentantoj de la neŭtralaj regnoj, por la celo, per rikoltado de faktoj kaj sciigoj kaj la forigo de malkomprenoj, kiuj malhelpas la alproksimiĝon de l' militantoj, prepari pacperadon kaj ĝin enkonduki je la taŭga tempo.

Je la enkonduko de tiu ĉi propono, la estraro almontris, ke tia iniciato i. a. ankaŭ estas pripensita de la registaro de Venezuelo kaj de la Internacia Virina Kongreso. La propono de la estraro de la Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito, diferencas tamen de la pensaĵo de Venezuelo, per tio, ke la registaro de tiu regno volis kunvenon por la propra intereso de l' neŭtraloj, dum la estraro de l' Konsilantaro volas Konferencon ekskluzive laborantan por la paccelado.

Rilate al la propono de la Internacia Virina Kongreso ekzistas la diferenco en tio, ke la Virina Kongreso celas tujan peradprovon per pactraktato kreita kaj proponita de la konferenco, dum la propono de la Konsilantaro ne difinas, ĉu jam nun perado kun ŝanco al sukceso estas ebla, kaj por la dezirata Konferenco de Neŭtraloj ne aldonas tute difinitan taskon.

Ĉefcelado de la propono estis, ke tiel baldaŭ kiel eble, la speciale por tiu celo elektitaj oficialaj reprezentantoj de neŭtralaj regnoj — unue estas pensate je Usono, Danujo, Nederlando, Norvegujo, Hispanujo, Svedujo, Svisujo kaj ankaŭ je la Papo — kunvenos, por daŭradaj reciprokaj interkonsiliĝoj pri la rimedoj atingi daŭran pacon, kaj por esti preta por perado tuj je la unua taŭga momento.

Estas atendate, ke tiu oficiala konferenco de neŭtraloj estus pli komplete kaj pli bone informita ol unu registaro, pri ĉiuj punktoj, kiuj estas interesaj por la prijuĝo de l' tempo kaj enhavo de l' peradafero.

La tasko de la neŭtralaj regnoj por pacperado ne estas facila kaj bezonas universalajn kaj plenajn informojn. Ĝuste tiuj informoj ŝajnas, timinde, nun manki, kaj pro tio la propono de l' Konsilantaro. La Ambasadoroj por tio ne sufiĉas. Unue oni povas sin demandi, ĉu tiuj personoj, kiuj havas la taskon zorgi por la interesoj de siaj propraj regnoj, krom tio ankaŭ estas la plej kapablaj personoj por tiu nova tasko, kaj due, ne en ĉiuj landoj estas reprezentantoj de ĉiu neŭtrala regno. Ofte unu persono estas reprezentanto en pli ol unu lando. Ekzemple, la Ambasadoro de Svisujo en Nederlando estas samtempe ankaŭ Ambasadoro en Britujo kaj loĝas en Londono. Se eble la en Hago loĝantaj reprezentantoj de neŭtralaj regnoj ŝanĝis siajn impresojn, mankus la voĉo el Svisujo, kaj pro la sama kaŭzo ankaŭ tiu el Norvegujo. En la ĉefurboj de aliaj neŭtralaj regnoj ne estas pli bone.

Konstanta Konferenco de speciale por tiu celo elektitaj reprezentantoj, en daŭra kunveno, je unu loko, devus unue rilate la persona kunligado konveni al la plej altaj deziroj.

Neniu povos diri ĉu tiu ĉi Konferenco gvidos al la celo, sed, uzante la vortojn de la Nederlanda ministro Cort van der Binden ni diras: „en tiu ĉi afero ne estas la demando ĉu la ŝancoj por eltrovi vojon el tiu ĥaoso de mizero estas granda aŭ malgranda, sed ni devas fari, kion nia mano trovos por fari; ni devas ekpreni la fadenon, kiu kuŝas je nia mano kaj kiu eble gvidas al la taglumo.“

Aliĝtelegramojn al la propono de l' Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito oni ricevis i. a. de la prezidintino de la Internacia Virina Kongreso; de la direktoro de „World Peace Foundation“ en Bostono; de la „American School Peace League“; de la prezidanto de la Internacia Pacoficejo; de la Dana Pacasocio; de la Germana Pacasocio; de la „Bund Neues Vaterland“; de la sekretario de la angla kuncentriga komitato por daŭra paco; de la prezidanto de la Sveda grupo de l' interparlamenta Unio; de la prezidanto de la „Internationaler Orden für Ethik und Kultur“ en Svisujo; de la estraro de l' Svisa Asocio por daŭra paco, kaj de diversaj asocioj en Milano. Tiuj lastaj telegrafis: „Ni esperas, ke la iniciato de l' Nederlanda Registaro tempe alvenos por savi niajn fratojn, filojn kaj edzojn.“

Kaj kia estas la tasko de l' Esperantianoj? Ili devas, ĉiu laŭ sia forto, helpi al restarigo de l' paco, kaj subteni la laboron de l' Konsilantaro Nederlanda kontraŭ la milito (Nederlandsche Anti-Oorlog Raad) kies sekretariejo estas Theresiastraat 51, Hago. Ĉiu fosu sian sulkon!

*C. Chr. Droogendijk.*

## Surakvaj Hospitaloj

La limigo de l' spaco sur la militŝipoj multe komplikas la taskon de la ambulancistoj. Efektive, estas kompreneble, kiel malfacile oni povas meti la vunditojn en ŝirmejon kontraŭ la pafaĵoj de l' malamikaro; oni ankaŭ komprenas, ke la ĉeesto de vunditoj proksime al la batalantoj riskadas ne nur ĝeni tiujn ĉi, sed ankaŭ senenergiigi. Tial oni klopodas, kiel eble pleje, forigi de tie la vunditojn sur transportiloj veturigantaj eskadrojn, kiuj, siavice, ilin liveras al hospitalŝipoj tiucele aranĝitaj.

Antaŭ ĉio, ni diru kelkajn vortojn pri la unua flego donata al vundito dum lia enŝipigo: oni scias, ke ĉiu soldato portas sur si pakaĵeton, kiu enhavas ĉion necesan por provizora bandaĝo; analogie, sur militŝipo troviĝas ĉio necesa por la unua vundoflegado. La ŝipanaroj, konante ĉiujn malfacilaĵojn de la sanafera servado surmara, scipovas doni la unuajn flegojn al siaj vunditaj aŭ malsanaj kamaradoj, kvankam multaj specialaj ambulancistoj, elektitaj el la ŝipanoj, estas armitaj por batalo.

Por kiel eble pleje garantii la vunditojn kontraŭ la pafado de l' malamikaro, oni unue transportas ilin en ambulancojn troviĝantajn en la malsupra parto de marŝipo, kie ili atendas la finon de la batalo. Tiuj ambulancoj ventolataj kaj lumigitaj, estas aranĝitaj laŭ la principoj de la moderna ĥirurgio: por ke la malsanuloj povu esti ne nur zorge ekzamenataj,

sed laŭbezone, urĝe operaciataj, ĝi estas provizita per operaciaj tabloj ŝirme kontraŭ la svingado de la ŝipo, sendolorigiloj per kloroformo, kun helpo de oksigeno, seninfektiloj de bandaĝaj kaj kuracaj iloj k. t. p. Ĝenerale ankaŭ tie ĉi oni surmetas la definitivajn bandaĝojn.

Post finiĝo de la batalo, la vunditoj povas okupi la pli grandajn ĉambrojn de la hospitalo, malpli ŝirmitajn, tamen neatingeblajn per la pafado de l' malamikaro. Tie ili trovas ne nur pli kompletan ĥirurgiilaron, sed ankaŭ banakvon kaj unu farmaciejon, kiu samtempe servas kiel laborejo ĥemia kaj mikroskopa.

En tiuj ĉambroj nur la negrave malsanaj personoj restas ĝis sia plena resaniĝo. Ĉiuj aliaj estas forigataj, kiel eble plej baldaŭ, por esti kuracataj sur unu el la hospitalŝipoj aranĝitaj plej moderne laŭ la principoj de la ĥirurgio, kaj tiuj estas la veraj surakvaj hospitaloj.

Se oni pripensas, ke tiuj marŝipoj estis en pactempo luksaj kurierŝipoj, transportantaj milojn da pasaĝeroj, oni facile komprenas la grandecon de la tasko, transformi ilin en ŝipajn hospitalojn, proporcie dum mallonga tempo, tamen nenion allasante al la hazardo kaj al la improvizo. Nur dank' al la partopreno de ĉiu — laboristoj, teknikistoj, inĝenieroj, administrantoj kaj kuracistoj — estis eble venki la malfacilajojn.

Nur la ekstera formo de la marŝipo restis senŝanĝe; la malhela koloro de la grandega ŝipkorpo estis blankepentrita kun aldono de verda ĉirkaŭstrio unu kaj duonmetron larĝa, ĉe la duono de ĝia alteco.

Kvankam en pactempo ĉiu el tiuj marŝipoj transportadis du mil pasaĝerojn, ĝi estas nun aranĝita nur por tri cent litoj. Oni konsideru ankaŭ la eksterordinaran multegon da aero kaj da spaco, kiun ĝi certigas al ĉiu malsanulo; tiu multego superregas la postulojn de l' higieno. La litoj ne estas lokitaj unuj super la aliaj, kiel ĝenerale en la marŝipoj, sed ili estas dislokitaj kiel en ĉambro de ordinara hospitalo; specialaj aranĝoj sensentigas la svingadon de la ŝipo. Litoj aparte senmovaj, kun pendaparato „Cardan", estas rezervitaj por grave malsanaj personoj. La fenestroj estas konstruitaj sufiĉe alte super la akvo, por certigi liberan eniĝon de aero kaj de lumo.

La nutrado estas bonega, vasta kuirejo estas plej komforte aranĝita, taŭgaj provizaĵejoj kaj malvarmigejoj ne mankas. Lavejoj, laborejoj por riparado de la iloj de l' kuracistoj kaj de la vestaĵoj de l' malsanuloj, ankaŭ estas rimarkindaj. Bibliotekoj sciencaj kaj distraj estas je ilia dispono.

La hospitalŝipoj estas administrataj de unu ĉefkuracisto, kunhelpata de tri aliaj militkuracistoj kaj subkuracistoj, cetere unu farmaciisto, unu dentisto kaj ambulancistoj. La ŝipafera administrado estas lasita inter la manoj de la ŝipestro kaj de ŝipoficistoj, kiuj ĝin administradis en pactempo.

Ekzistas diverssistemaj saviloj, sufiĉe multnombraj por ebligi la savon de pli ol mil personoj dronontaj. Post la savo kaj enŝipigo de la unua milo nenio malhelpas daŭrigi la sammanieran savadon; la ŝipo ja povas surporti kelkajn milojn da dronsavitoj.

Specialaj iloj — ŝarĝmastoj, levaparatoj, k. t. p. — rapide funkciantaj, enŝipigas kaj elŝipigas la malsanulojn kaj vunditojn. Interne de la ŝipo, per translokigo de unu ferdeko al la alia oni faras lifton.

Krom la ĵus priskribitaj hospitalŝipoj ekzistas ankaŭ transportaj ŝipetoj, kiuj estas periloj inter la hospitalŝipoj kaj militŝipoj. Fine, la vunditoj de la surtera armeo tre ofte estas transportataj per riverŝipoj, kio evitigas al ili la laciĝon de fervoja veturo.

*D-ro Alfred Gradenwitz.*
Trad.: *Paul de Lengyel.*

---

# Vizitoj al militkaptitejoj

*Raportoj de la Delegitoj de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco pri iliaj vizitoj al militkaptitejoj en Francujo, Germanujo kaj Britujo.*

V

S-roj Ed. Naville kaj V. van Berchem vizitis la civilkaptitejojn ĉe Queensferry, Southend kaj Portsmouth. Ni publikigas la priskribon pri la kaptitejo ĉe Queensferry kaj la ĝeneralajn konkludojn de la raporto.

Je ses mejloj de Chester, ĝi enhavas ĉ. 2000 civilkaptitojn loĝatajn en malnova maŝinfabriko dividata en 12 ĉambregoj, kiuj enhavas ĉiu po 100—200 viroj. La plafono estas tre alta, la lumo venas el supre tra vitraro. Ĉiuj ĉambregoj havas centran hejtadon. La litoj estas el plankoj sur la grundo, sed oni nun sin okupas pri farado de litoj el plankoj super la grundo; kiel ĉie, la viro kuŝas sur pajlmatraco, li havas unu kapkusenon kaj tri litkovrilojn.

Enirante en unu el tiuj ĉambroj, oni nun konstatas, ke tie ne plu regas la militista disciplino, nek la ordo, kiu rezultas de ĝi, kaj kiu tamen estus necesa en tiel grandaj ĉambroj. Ekzistas bone instalitaj duŝejoj kaj banejoj, kiujn oni multe uzas. La viroj plendas, ke oni ne liveras al ili sufiĉe da sapo; ni transdonis tiun plendon al la komandanto.

La nutraĵo estas la sama kiel en ĉiuj kaptitejoj, pano, butero kaj teo matene kaj vespere, supo, viando kaj legomoj tagmeze. La kaptitoj plendas, ke tio estas nesufiĉa, ke la butero estas margarino, kaj ke la kvanto de ĝi estas tute malgranda. Kiu havas iom da mono povas plibonigi sian ordinaran nutraĵon per aĉetoj ĉe la kantino. La profito, kiu rezultas el tio, reiras al la kaptitaro. La kuiradon tute faras germanoj.

Gravan malkontentecon kaŭzas la fakto, ke en tiu kaptitejo oni ne povas starigi kategoriojn inter la kaptitoj. Oni ja lokigis en unu ĉambregon virojn iom superajn, kiel oficirojn de komercaj ŝipoj (ili pagas ion), sed tamen ni ofte aŭdis la plendon pri najbareco de viro plena de insektaĉaro aŭ sifilismalsana. Ni atentigis pri tio la komandanton, kiu diris, ke li enketos pri tiuj nedezirindaj najbaroj kaj alprenos por ili specialajn regulojn.

Inter la konstruaĵoj troviĝas granda korto, kie la kaptitoj povas promeni; malantaŭe, oni ĉirkaŭis per ferfadenoj, kiel en ĉiuj kaptitejoj, vastan ludkampon, kiun la junuloj ege deziris. Ĉiuj viroj okupataj je tiuj laboroj estas pagataj, sed la pli multaj tre malvolonte laboras.

Ekzistas taŭge instalita hospitalo kun bonaj ĉambroj; ĝi enhavis ĉ. 20 malsanulojn, preskaŭ ĉiuj el Togolando aŭ Kameruno, kiuj suferas pro la klimato. Speciala ĉambro por la seksmalsanoj.

La viroj el Togolando kaj Kamerumo plendas, ke oni ilin tenigis je iliaj pakaĵoj kaj je ilia mono. Kelkaj pretendas esti oficiroj kaj rajti specialan traktadon. Dubinde estas, ke Germanujo konsideras ilin kiel oficirojn.

La religia helpado en Queensferry estas pli bona ol aliloke. Pastro Neitz, kiu estis forironta al Afriko je la momento de la militdeklaro, estis kaptita kaj internigita en Queensferry. Kvankam li estis liberigita, li preferis resti kun samlandanoj por sin okupi pri ili. Li loĝas en najbara domo, kie estas malgranda biblioteko pligrandiginda.

Katolika pastro venas de tempo al tempo. P-ro Scholten faris du vizitojn al Queensferry.

Tiu kaptitejo estas tiu, pri kiu ni aŭdis plejmulte da plendoj, ne tial ke multaj ŝanĝoj estas farindaj, krom la necesejoj, kiuj estas tute nesufiĉaj. Sed ŝajnis al ni, ke la kaptitejo postulas pli severan kontroladon je la aplikado de

la regularoj. Ĉu la nutrado estas tia, kia ĝi devus esti? Ĉu ĝi estas egale disdonata inter ĉiuj? Ĉu ne devus okazi pli oftaj sanitaraj inspektoj de la litoj kaj personoj? Ni ja scias, ke en kaptitejo de 2000 ĉiudevenaj personoj, la malfacilajoj estas multnombraj. En tia vasta homamaso, troviĝas elementoj ne ĉiam rekomendindaj, ĉu el morala, ĉu el materia vidpunkto. Tiaj precipe estas la internigitoj, kiuj estis senditaj de la polico, kaj kies najbareco estas malagrabla al la aliaj kaptitoj. La tasko de la komandanto estas pli malfacila ol en militista kaptitejo, kaj, kiel ni komence diris, la plendoj en civilkaptitejo estas ĉiam pli multaj. Sed inter ili kelkaj estas pravigataj, kaj estus facile, tion plibonigi per pli severa aplikado de la reguloj, kiuj devas regi la kaptitejojn, civilajn kaj militistajn. Ĉu, por la civiluloj kaj la militistoj, oni ne povus ankaŭ rompi la unutonecon de la du matena kaj vespera manĝoj kun teo, pano kaj butero?

* * *

Ni resumu la impreson, kiun ni ricevis el la vizitado de tiuj kaptitejoj. Ni ripetas, ke ni faris tiujn vizitojn tute libere, sen akompananto kaj sen kontrolanto. Ĉar ni ambaŭ flue parolas la germanan lingvon, ni interparoladis kun multaj kaptitoj. Ni penis ĉion ekzameni senpartie, kiel decas al neŭtralŝtatanoj.

Ni ne hezitas diri, ke tiu impreso estis tre kontentiga. La kaptitoj, precipe la militistoj, estas bone traktataj; havante la principon simili iliajn vivkondiĉojn al tiuj de la britaj militistoj, la registaro antaŭe forprenas ĉiun plendokaŭzon. Oni ne povas agi pli juste rilate al kaptitoj. Ni aŭdis nenian plendon pri la gardosoldatoj aŭ pri la angloj, kun kiuj ili rilatas. Nenio ofendas iliajn militistajn aŭ patriotajn sentojn. La festo de la imperiestro okazis en ĉiuj kaptitejoj. En Dorchester, suboficiro faris patriotajn paroladojn, kaj oni vivukriis je l' honoro de l' imperiestro.

Ni do konkludas, ke la germana registaro kaj la familioj de la kaptitoj povas esti sen maltrankvilo pri la sorto de tiuj, kiuj estas en la kaptitejoj de Britujo.

*Ed. Naville* kaj *V. van Berchem.*

Trad. *E. B.*

# ❀ NOTOJ ❀

∴ **Kongreso por la studo de la fundamentoj de daŭra paco.** — Tiu Kongreso okazos en *Bern* la 14—19 decembro 1915. Ĝi estas invitita laŭ la iniciato de la jenaj organizajoj: Internacia centra organizo por daŭra paco en Hago en ligo kun la Svisa Asocio por la studo de fundamentoj de daŭra paco kaj de la Svisa grupo de la Interparlamenta Unio. Invitoj estis senditaj al la estroj kaj membroj de la organizajoj sin okupantaj pri la disvolvigo de la internaciaj rilatoj, kaj al kompetentaj politikistoj kaj diplomatoj.

Pri la celo de la Kongreso ni eltiras el la invitilo la jenajn rimarkojn:

„La priparolado de la fundamentoj de la venonta paco — senatente pri la daŭro kaj rezultato de la milito — de monato al monato pli kaj pli okupas la publikon en la militantaj kaj neŭtralaj landoj, kaj estus nek eble, nek dezirinde ĝin malhelpi. La popoloj, kiuj pro la plej terura milito de la historio suferas en eksterordinara maniero, rajtas publike pridiskuti la fundamentojn de la paco, kiu difinos ilian estontan „eston" aŭ „neeston". Sed despli necese estas doni al ĉi tiu diskutado realan bazon per fundaj laŭtempaj studoj de plej eminentaj kompetentuloj kaj tiamaniere kontraŭagi per tia metodo al unuflanka sugestio de la publika opinio. La scienca dokumentaro kolektita per studkongreso de gravaj specialistoj de la internacia juro prezentus ankaŭ valoran antaŭlaboron al la diplomatoj kaj politikistoj partoprenontaj je la ĝenerala packonferenco."

Kiel fundamento por la laboroj de la Kongreso utilas la minimuma programo ellaborita de la Internacia Konferenco, kiun en aprilo kunvokis la Kontraŭmilita Nederlanda Ligo.

Estas atendataj partoprenantoj el ĉiuj Eŭropaj ŝtatoj, ankaŭ el la militantaj, kaj el Usono.

La Kongreso estas sub la patronado de honora komitato konsistanta el eminentuloj de la tri kulturpartoj de Svisujo.

Por ĉiuj informoj, sin turni al la Sekretariejo de la Kongreso: Hallerstrasse 41, Bern.

#  LITERATURO 

FELIETONO

## La rakonto pri eterna paco

Dio patro sidis en la ĉielo de la ĉieloj.

Sian kapon li klinis antaŭen, kaj malproksimen rigardis lia okulo super la irantaj kaj venontaj jarmiloj.

Jen, aŭdu! Tra la ĉieloj aŭdiĝis kriego, tiel potenca kaj teruriga, ke ĝi plenigis la tutan spacon.

„Kio estas ĉi tio?" demandis Dio patro la Ĥerubon de la tero, kies alproksimiĝantan flugilbatadon aŭdis lia orelo.

„Estas la homaro, vin alvokanta", respondis la Ĥerubo.

Tiam leviĝis de la trono la Estro de la estaĵoj, envolvis sin en nubon kaj iris malsupren. Sur la sanktan monton li metis sian piedon, meze en la dezerto; tie li volis atendi la vokantan homaron. Kaj tuj li vidis ilin, venantajn tra la sablo de l' dezerto, kie ĉiu spiro de vivo ŝajnis esti sufokita. En multnombraj aregoj ili kolektiĝis, la homoj, lacaj kaj ŝarĝitaj, teren klinante la kapon, malesperante kaj sen kuraĝo, kun la estingitaj okuloj de la sufero.

Dio patro vidis ilian alvenon, kaj profunda kompato je lia kreitaĵo plenigis lian koron.

„Kion vi volas de mi?" li demandis, kaj lia rigardo iris super ĉiuj el ili.

Elviciĝis blankbarbulo kun zorgoplena vizaĝo.

„Dio patro", li diris, „donu al ni la pacon. Rigardu, nedirebla mortigado rondiras en la mondo. La frato malvivigas la fraton, la patro sian filon. La ondoj de l' maro kriegas mortigon kaj la aeroj de l' vento. Ne restas terpeceto malplena da sango. Piedfrapitaj estas niaj kampoj, sur ruinaĵoj iras nia paŝo. Juneco kaj forto perdis sencon kaj ekzistrajton, ilin atendas milobla pereo. Rigardu, ni altiris al ni frenezan malfeliĉegon, kaj ne plu ni trovas juĝistojn kaj venĝantojn. Ambicio, envio kaj fiereco gardas niajn korojn kiel sovaĝaj bestoj. Ni detruas, bruligas, rabas. Ne plu ni scias benadi, nek povas kompreni la malbenon, kiu estas sur ni. Sinjoro, kial vi permesis, ke tio povis okazi? Rigardu, nemezureble granda estas la sufero de via kreitaĵo."

Kiam la blankbarba maljunulo estis tiel parolinta, Dio patro longatempe rigardis super siaj kreitaĵoj. Kaj lia okulo vidis, kiel sub nova spiro leviĝis la brusto de la malesperinta homaro. Kaj ĝi vidis kiel iom post iom la homoj deĵetis la servigan ŝarĝon de la fiero, de l' honto, de la gloremo, kiel de si ili forrulis la mensogon de heroeco, per kiu ili estis premintaj siajn korojn. Ekploris la sortbatitoj, la vunditoj, la kripligitoj, ĉiuj viroj, kiujn kontraŭ ilia volo oni faris herooj. Kaj preĝo leviĝis, laŭta granda preĝado, pli kaj pli vasta kaj potenca tiel, ke la tutan teron ĝi plenigis. Ĉiu preĝis el la profundo de sia koro, laŭ sia sento kaj kompreno.

Tiam diris Dio patro: „Ĉu vi volas forigi envion, kaj gajnemon, kaj vian ĉiaman malsaton je honoroj, potenco, gloro?"

„Ni volas", revenis respondo el la brusto de milionoj.

Tiam diris Dio patro: „Ĉu vi volas diri alian vojon por atingi la celon ol per via propra sango?" „Ni volas."

Tiam la trian fojon parolis Dio patro. „Ĉu via malkulpigemo kaj via pento estas grandaj? Ĉu la pacon, de vi petegitan, vi sankte konservos kun la tuta forto de via estado kaj la plena volo de via penso?"

„Ni volas", respondis la homaro, kaj ĝojego eksaltis en ĝiaj vicoj.

„Do promesu ĝin!"

Kaj la homaro promesis al la Eternulo en lian dekstran manon teni kaj konservi la pacon. Tiam Dio patro donis la pacon al la tero.

* * *

La spiro de Dio iris super la mondon.

La larmoj sekiĝis, la vundoj fermis sin.

El la naskiga tero leviĝis kreskaĵoj centope, milope. Ne estis grenero, kiu sin perdis en la kampo, neniu en la vento balanciĝanta trunketo estis malplena, neniu floro ne fruktiĝis. La peno fariĝis beno, ĉiu tago estis feliĉo. Estis komuna laborado sur la tero, komuna kreskado, simila al floranta arbego. Kaj regis inter la homoj bonfara donado kaj prenado, oni alcelis justecon kaj fariĝis justa.

Tra la senfina spaco sonis kantoj; sunon kaj lunon atingis la feliĉaj himnoj de la homaro.

Tion vidis Dio patro kaj ĝojis en sia koro.

Jardekoj forpasis kaj senlaŭte malaperis en la vasteco de l' eterno.

* * *

Sed kiam la Tutbona rigardis iam super la mondojn, je la vespero de la sesa tago, lia okulo rimarkis ĉe la zono de la tero rebrilon de alten supreniranta flamoj.

„Kio estas?" li demandis la Ĥerubinon de la tero, kies flugilbatadon aŭdis lia orelo.

„Estas la homaro, kiu militas", respondis la alia, mallevante la frunton.

Tiam en Dio patro leviĝis terura kolero. Kiel minacanta ventego li iris malsupren sur la sanktan monton, por atendi la pekantan homaron. Kaj ili alkuris rapide kun elastaj paŝoj, ornamitaj kiel por granda senlabora festotago.

Antaŭ ili iris juna viro, la glavon ĉe la flanko, kun fortikaj membroj bone kunigitaj, sur la frunto la brilon de kuraĝo. Sentime li alproksimiĝis la Ĉiopovan. „Kial vi kunvokis nin?" li demandis.

Tiam la Dia kolero ruliĝis kiel tondro super liaj estaĵoj.

„Vi faras militon, vi kuraĝeguloj. Ĉu denove vi kredas vin tiel grandaj kaj potencaj, ke ree la tero fariĝis por vi tro malvasta? Ĉu denove vi perdis la mezuron de via povo, la haltigilon de via volo? Ĉu ne plu valoras ĉe vi la filo, la propra hejmo? Apenaŭ via mano ektuŝis la plugilon, ĝi reprenas la glavon. Ankoraŭ via sango vaporiĝas el la tero, ankoraŭ via mizero ne estas tiel profunde enterigita, ke ĝi ne devus ekflami de infanoj al posteuloj!"

„Nia mizero?" rediris la glavozonita junulo, „Sinjoro, ni ne memoras."

Ruĝiĝis la frunto de la Ĉiopova. „Vi ne memoras? Tiel mallonga estas via memoro kaj tiel malforta via penso? Ĉu ne la tero resonis de via mizero tiel, ke ĝi supreniris al mia trono? Ĉu ne estas vi, kiuj petegis eternan pacon?"

„Eternan pacon? — Ni ne memoras, Sinjoro", ripetis la glavozonita junulo.

Tiam, kiel ventego la Dia kolero malleviĝis sur ilin.

„Vi do ne memoras kion vi estas solene promesintaj, en mian dekstran manon, en ĉi tiu loko?"

Murmuro kaj ekscito movis la amasojn de la homoj. Rigardis la junulo en la koleran okulon de la Estro de l' estaĵoj:

„Patro", li diris, „tion verŝajne faris niaj prapatroj, sed ni, ni estas la junaj!"

Dio patro turnis sian vizaĝon for de la homaro kaj iris en la ĉielon de la ĉieloj. La Ĥerubo de la tero alproksimiĝis al la Majestulo kaj stariĝis sin flanke de lia trono. Kaj Dio patro parolis al li pri la pekantaj homoj kaj pri sia kolero.

Sed la Ĥerubo de la tero mallevis sian ombritan frunton:

„Sinjoro ĉiopova, ne mallaŭdu ilin, viajn homojn, aŭ vi estus devinta ilin krei alie."

Tiam Dio patro kovris la vizaĝon kaj rigardis en la profundon de sia koro.

*Lilli Haller* (Bern). — Trad.: *Ed. Stettler.*

---

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

*Malgranda kolekto de „l'Esperanto"*. N-ro 1. **Epizodo de milito.** (Claudius Colas). Eld. A. Paolet, S. Vito al Tagliamento (Italia). Prezo: Fr. 0. 15.

„Claudius Colas, el Parizo, mortis heroe en milito per kuglo en la kapo, la nokton 10/11 septembro... Li lasis edzinon kun tri infanetoj, *kies* plej granda estas nur kvinjara." Por honorigi la memoron de tiu altvalora samideano, S-ro A. Paolet aperigis la cititan verkon, kiun Cl. Colas jam eldonis en „l'Espérantiste Catholique".

Dum la kristnaska nokto, unu franca soldato, kiu estas pastro, aŭdas la ĝemojn de germana soldato. Tiu germano estas mortanta. Ambaŭ estas esperantistoj, ambaŭ katolikoj. La franco konfesigas la germanon, kiu sereniĝinte dolĉe mortas. Komprenoble tiu rakonto, verkita antaŭ la milito, estas nur fantazia rakonto.

De l' bedaŭrata Cl. Colas mi legis bonegajn paĝojn; tial mi dubas, ĉu vere Cl. Colas mem, „unu el la plej kleraj kaj elokventaj Esperantistoj de Francujo" kaj lingvakomitatano verkis tiel malkorektan verketon. En ĝiaj 15 paĝetoj mi substrekis 20 pli-malpli gravajn makulojn, el kiuj nur 2—3 estas preseraroj. Per pli atenta revizio oni farus tiun libreton pli inda je ĝia mortinta aŭtoro.

* * *

*Malgranda kolekto de „l'Esperanto"*. N-ro 2/3. A. Paolet, **Ensorĉo,** unuakta dramo. Prezo: Fr. 0. 30.

La dua numero de la „Malgranda kolekto de ,l'Esperanto'" tute ne similas la unuan, almenaŭ je la vidpunkto de korekteco. La stilo estas vere klasika, la revizio estis zorgeme farita. Mi notis nur unu preseraron, paĝ. 6, l. 19 (kaŭze de mi = kaŭze de ŝi).

La temo de „Ensorĉo" estas iom stranga, cetere tre originala kaj interesa. Tuljo ĵus perdis sian tre amatan edzinon. En sia malespero li renkontas junan mondumulinon, Liana'n, kiu per la voĉo, vizaĝo, gesto kaj memtenado revivigas en la animo la mortintinon. Tuljo estas „ensorĉita". Li daŭrigas ami postmorte sian edzinon sub la figuro de Liana. El tio rezultas skandalo, la najbaroj babiladas, malbondiras. Fine, la frato de Tuljo post akra disputo decidigas sian fraton, ke li disiĝu de Liana.

La personoj estas nur kvar, kaj la mallonga dramo estas facile ludebla.

* * *

**The Edinburgh Esperanto Pocket Dictionary,** Esperanto-english and english-Esperanto. 206 paĝoj, formato 14 × 7 cm. Edinburgh, Thomas & sons. Prezo (tole bindita): 1 ŝ.; Fr. 1. 25.

Tiun tre belan poŝvortareton komencis iam S-ro W. W. Mann kaj finis S-roj Warden, Harvey kun F-ino Jane Baird. En la unua parto (paĝoj 1—60) ĝi entenas pli ol 5000 Esperantajn radikojn kun almenaŭ unu angla signifo por ĉiu; en la dua parto (paĝ. 61—201)

oni trovas proksimume 13,000 anglajn vortojn kun iliaj Esperantaj tradukoj. Unu listo de geografiaj nomoj kaj mallonga tabelo de personaj nomoj estas presitaj sur la paĝoj 202—206.

La celo de la kunlaborintoj estis obei la principojn de D-ro Zamenhof en la Fundamento de Esperanto kaj eviti la enkondukon de nenecesaj radikoj ne aprobitaj de la Lingva Komitato nek sankciita per ĝenerala uzado.

Cetere en tre **grava, kvankam** mallonga, antaŭparolo S-ro J. M. Warden prezentas **ĉiujn utilajn klarigojn** pri la enhavo, aranĝo kaj uzmaniero de la tre oportuna vortareto. Plej sincerajn gratulojn meritas la Edinburgh'aj **kompilintoj** kaj la eldoninta firmo.

* * *

*K. R.* **La Reĝo Judea,** dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj, tradukis la esperantan tekston *A. Dombrovski*. Kovno-Ruslando, eldono de A. M. Nedoŝivin. Prezo: Fr. 2. 50.

Kun granda plezuro mi legis tiun majstran verkon de K. R. (la nomo de la aŭtoro ne estas pli klare montrita). Noto aldonita per krajono sur mia ekzemplero sciigas al mi, ke la Esperantiginto estas S-ro V. Devjatnin. Mi tuj diros, ke la tradukto estas inda je la originala verko. La stilo estas ne sole klasika, sed ankaŭ klara, flua kaj eleganta. Tiu grava verko meritas honoran lokon en ĉiu Esperanta biblioteko.

Kio plej frapis min en la kompreno kaj scenaranĝo de tiu religia dramo pri la morto de Jesuo estas, ke Jesuon mem oni nenie kaj neniam vidas kaj aŭdas; tamen ĉiuloke oni aŭdas pri Li; pri Li parolas, agas, pensas, korsentas ĉiuj dramppersonoj, de la lasta sklavo aŭ popolano ĝis Pontio Pilato, prokuratoro de Judeo. La aŭtoro celis prezentigi ĉiujn interesojn, pasiojn, kiuj baraktas ĉirkaŭ Jesuo kaj tiel revivigi tiun societon multaspektan, la almilitantajn Romanojn — la prokuratoro, lia edzino, prefektoro de kohorto, tribunaloj de legio, centestroj — kaj la almilititajn judojn — sadukeoj, fariseoj, vilaĝanoj, sklavoj. El tio rezultas forta impreso de vivo kaj trafa bildo de epokfararanta momento en la historio de Jerusalemo, de l' Romana imperio kaj de l' mondo.

El multaj citindaj scenoj aŭ lokoj mi kopios kelkajn versojn, en kiuj Johanino, edzino de l' dommastro de Herodo, rakontas la aperon de l' reviviĝinta Kristo al sia patrino (IV, 12 paĝ. 177):

Hieraŭ, kiam post la mont' sin kaŝis
La suno, de la kara tombo venis
Mario en la domon de Johano;
En Sia ĉambro dum silenta nokto
Ŝi sola longe ploris pri la Filo.
Subite per mirinda lum' ekbrilis
La tuta ĉambr'; kaj antaŭ Ŝi ekvidis
Mario Sian filon. Ŝi ekpensis,
Ke estas songo aŭ fantom' mirinda.
Sed staris antaŭ Ŝi Li Mem en korpo,
Nur pli ol mortemuloj radiluma.
Kaj la arom' de Li agrabla fluis —
Miksajo de alo' kaj mirho. Manojn
Al Li kun la feliĉo etendinte,
Timanta tamen esti certigita.
Mari' la harojn, ŝultrojn kaj la vangojn
De Sia adorata Filo palpas;
Kaj karan, tre konatan voĉon aŭdas:
„Ne ploru nun pri Mi, patrino kara.
El tombo mi leviĝis; mi gloriĝis,
Kaj ankaŭ Vin altigos kaj glorigos,
Kaj ĉiun, kiu Vin kun kred' kaj amo
De nun en sia koro priglorigos."
Kaj Li, dirinte tion, malaperis.

* * *

*Rusa biblioteko N-ro 4.* **Konvenajoj,** komedieto de *Bilibin*, trad. *M. Aleksandrov*. Librejo Esperanto, Moskvo, Ruslando. Prezo: Fr. 0. 25.

La komedieto „Konvenajoj" **estis** ludita en Moskva Societo Esperantista. Personoj: du viroj, du sinjorinoj, unu servistino. La inĝeniero Erŝov amas S-inon Zvanceva, junan vidvinon, kiu gastas ĉe sia amikino, S-ino Krecĉeteva. La vidvino ankaŭ amas la inĝenieron, sed pro „konvenajoj" estas konsentite, ke Erŝov ŝajnigos, ke li amas S-inon Krecĉeteva. Sed tiu ĉi sinjorino estas flamiĝema; el tio rezultas tre konfuza kaj komika situacio. En la fino, post la reveno de la forvaĝinta edzo, ĉio aranĝiĝas kaj klariĝas, kaj la komedieto finiĝas per ĝenerala interkisado de la geamantoj kaj de la geedzoj. Tre sprita kaj delikata komedio.

* * *

*Rusa biblioteko N-ro 5/6. N. Timkovskij,* **Salajro,** rakonto kun epilogo. El la rusa lingvo trad. *Timoteo Sĉavinski*. Librejo Esperanto, Moskvo, Ruslando. Prezo: Fr. 0. 50.

„Talimov, reveninte de la servo hejmen, anoncas al la edzino, ke li malpaciĝis kun la direktoro de l' oficejo kaj forlasis la lastan por ĉiam." Li vane klopodis por trovi alian oficon, kaj iom post iom falas kun la siaj en la plej nigran mizeron. Fine li devas humiliĝi kaj, forĵetinte ĉiun sendependecon, akcepti la saman oficon por ricevi la saman salajron. Jen la ironia konkludo de tiu negaja, kvankam sprita, socia studo:

„Jen ree mi havos oficon, ree mi ricevos ĉiumonate salajron. Tiam mi kun vi ree povos konversacii pri l' sendependeco kaj la cetera simila ... Kaj aspekton ni havos sendependan ... Kaj botojn ni havos, kiel homoj bonmoraj ... Jes. Poste vi mem (iliaj filoj) eliros la vojon kaj ankaŭ ricevos sufiĉe grandan salajron ... infanoj viaj loĝos en sufiĉe bona loĝejo ... unuvorte, ili ankaŭ estos homoj bonmoraj. Ili ankaŭ parolos pri l' sendependeco kaj ankaŭ ricevos sufiĉe grandan salajron. Kaj la nepoj, kaj la pranepoj, kaj ... Unuvorte, mi kun vi nun povas dormi trankvile: la salajro estas garantiita ..." (Paĝ. 55.)

* * *

**Nia ĉiutaga pano,** kompilita de *W. Wilson Trainer*. Internacia ligo de Laborantoj, 4, York street, Glasgow. Prezo: Sm. 0. 500.

Tiu kompilaĵo rilatas kelkajn gravajn demandojn, sed precipe la demandon pri vegetara dieto. Oni ne povas aserti, ke la stilo estas tute bona kaj korekta.

* * *

**Ilustrita Gvidlibreto de la banurbo Rimini.** Prof. *M. Carolfi*. Prezo: Sm. 0. 320.

Beleta gvidlibreto pri la ĉarma urbo Rimini; dektri bildoj kaj unu plano ĝin ornamas. La stilo estas simpla kaj korekta. La libreto estas ricevebla ĉe: Administracio de la Revuo „L' Esperanto", en S. Vito al Tagliamento (Italujo).

* * *

**La terposeda reformo en Izraelo,** de *A. Damaschke*, esperantigita de *F. Ellersick*, Berlin. Verlag Deutsche Warte, Berlin SW 48, Friedrichstrasse 240.

* * *

**La origino de la mondmilito,** laŭ la publikigaĵoj de la Triple-Entente-ŝtatoj, de D-ro *Karl Helfferich*. Eld. de Deutscher Esperanto-Dienst, Berlin S 59. (Esperantigis *Arnold Berendt*.)

*Verto.*

* * *

Aliaj verkoj ricevitaj, poste recenzotaj:

**Nova Sento.** Filozofia romano de *Tagulo*. British Esperanto-Association, London. Prezo: 6 d.; Fr. 1. 25.

*Paul Seippel*, **Adèle Kamm.** El franca lingvo trad. *René de Saussure*, Dua eldono Esperanta. Centra Oficejo de Svisa Esp. Societo, 10, Hotelgasse, Bern. Prezo: Fr. 3.

*William Bayle Bernard*, **Lia lasta ŝanco.** Komedio en du aktoj. El la angla lingvo trad. *Gego*. British Esperanto-Association, London. Prezo: 7½ d.; Fr. 0. 75.

**Fundamentaj Reguloj de la Vort-teorio en Esperanto.** Raporto al la Akademio Esperantista, verkita de D-ro *R. de Saussure*, prezidanto de la Komisiono pri Vortfarado. Prezo: Fr. 0. 50.

# Bileto de blankbarbulo

## *Ĉe la Blinduloj*

*Jen, kion — laŭ raporto de la svisa verkisto S-ro B. Valloton — rakontis la blindigita serĝento:*

*„Terure vundita, sveninta, min vekis sur la batalkampo, forlasita de la batalantoj, la matena malvarmeto. Malproksime, bruo de pafilegoj; tutproksime ĝemado kaj vokado de l' vunditoj. La brakoj antaŭen, ofte mi faletis en mia marŝado sur la sternitaj korpoj. Malfacile vere — kiam oni ne kutimas — iradi en la nokto.* En la nokto *estas dirmaniero, ĉar mi sentis la sunvarmon sur la haŭto. Al tiuj, kiuj vokis, mi respondis: „Ho! miaj malfeliĉaj okuloj, mi ne vidas!“ Tamen unu tiel parolis kaj tiel multe, kaj tiel multe, ke fine apud li mi alvenis. Mi klarigis mian* tarifon. *Li respondis: „Bone! mi havas rompitan kruron. Vi prenos min sur vian dorson, kaj mi diros, kien vi devas iri.“ Bona ideo, vere! Mi surdorsigis lin kaj antaŭen. En mian orelon li kriis: „Dekstren ... Maldekstren ... Atentu, arbo!“ — Fine, fine ni atingis bonan vojon, poste vilaĝon. Mirinda estis nia* kombino, *tiel ke* la kruroj mi estis, kaj li la okuloj!“

*Kun korpremo ĉiuj ĉirkaŭstarantaj, aŭskultis la blindan serĝenton.* Th. Cart.

---

## DEK-UNUA KONGRESO DE ESPERANTO

**San Francisko, 22—29 aŭgusto 1915**

*(Daŭrigo.)*

### Festoj kaj Ekskursoj

La unuan tagon de la Kongreso, dimanĉon 22 aŭgusto, la kongresanoj jam alvenintaj kunvenis en la Ora Pordega Parko. Kun multaj flirtantaj standardoj la grupo vizitis la orkestrejon kaj la muzeon, kaj poste la japanan teĝardenon, kie multaj provis la bongustan teon preparitan de niaj orientlandaj najbaroj.

Vespere, la 24 aŭgusto, S-ro Peterson gvidis la kongresanojn tra la orientula kvartalo de San Francisko, vizitante la preĝejojn, drogejojn kaj eĉ kelkajn hejmojn.

Mardon, je 10.15 h. la tuta kongresanaro forvojaĝis vaporŝipe al la norda bordo de la golfo, kie komenciĝis fervoja veturo al la supro de la monto Tamalpais, laŭ la „plej malrekta fervojo en la mondo“. Neatendite bona vetero ĝojigis la festan aron. Supre, ĉe la „taverno“, oni kunmanĝis, kaj poste vizitis, piede, la krutaĵon, de kie vasta panoramo, enprenanta la golfon, maron, kaj la urbojn ĉirkaŭ la San Franciska golfo, etendiĝis en rimarkinda klareco. Speciala kunveno de la Kalifornia Esperantista Rondaro okazis, kaj vespere oni dancis. Lacaj sed tamen gajaj gesamideanoj revenis je 8.50 h. vespere, en specialaj fervojaj vagonetoj, derulantaj sen lokomotivo al la fundo de la monto.

Merkredon vespere, je 8.30 h. komenciĝis la „Amuzvespero“. Kantoj, deklamaĵoj kaj komedieto „La Perfekta Kuiristino“, amuzis la ĉeestantojn, inter kiuj troviĝis ankaŭ neesperantistoj. Senprepara oratora konkurso donis al kelkaj niaj samideanoj okazon montri sian lertecon kaj rapidan pensokapablon. La unuan premion gajnis S-ro Alwyn J. Baker, kiu parolis pri „Nokto ĉe la Ekspozicio“, kaj la duan premion gajnis S-ro Vincent, por „Mia plej Feliĉa Momento“.

Ĵaŭdon vespere, en la Hotelo Ramona, preskaŭ la tuta kongresanaro kunvenis por komuna vespermanĝo. Post la manĝo okazis speciala kunsido de membroj kaj delegitoj de UEA, kaj oni preskaŭ unuanime akceptis la jenan rekomendon:

„Ni aprobas la kunakordigon de E. A. N. A. kaj UEA, tiamaniere, ke la nacia asocio (E. A. N. A.) devos zorgi pri la starigo de delegito de UEA en ĉiu urbo, kie sin trovas membroj de E. A. N. A.; kaj ke UEA konfidos la asignon de delegiteco en Usono sole al la E. A. N. A.

Ni plie aprobas, ke nur membroj de la nacia asocio (E. A. N. A.) estu elekteblaj kiel delegitoj de UEA en Usono, kaj ke abonado je la gazeto „*Esperanto*“ estu deviga por la delegitoj de UEA en Usono.“

Vendredon vespere, en ĉambro A. de la Urba Aŭditorio, okazis propaganda kunveno al kiu la publiko estis invitita. Esperanto estis prezentata de diversaj vidpunktoj, sed malmultenombra ĉeestantaro venis.

Sabaton, la 28 aŭgusto, oni festis Esperanto-Tagon ĉe la Ekspozicio. La kongresanoj kunvenis interne de la ĉefa enirejo al la Ekspozicio, kaj poste marŝis al Recital Halo, kie reprezentantoj de la Ekspozicio formale bonvenigis la kongresanojn, kaj prezentis al la tri organizaĵoj bronzajn medalojn por memorigi la okazon. Plena raporto pri la kunsido troviĝas en la oficiala protokolo. Posttagmeze inter nia aro denove kunvenis en la akceptejo de la Kalifornia Domo por diri lastajn adiaŭojn.

---

## KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Britujo.

*Bath:* Nova kurso por komencantoj okazas ĉe la Teknikaj Lernejoj, sub la gvidado de S-ro N. W. Padfield. — *Birmingham:* Dum la somero la klubo aranĝis sukcesajn ekskursojn. S-ro White paroladis al Kooperativanoj; kelkaj esprimis la deziron partopreni kurson. — *Eastbourne:* S-ro P-ro E. A. Styler gvidas kursojn ĉe la Teknika Instituto. — *Eccles:* Novaj kursoj komenciĝis en oktobro. — *Gateshead:* S-roj Hall kaj Patrick gvidas kurson por komencantoj. — *London:* Propaganda kunveno okazis en Finsbury Park. La klubo kunvenas ĉiuvendrede en St. Bride's Institute, Ludgate Circus. Tre alloga programo estis preparita por la monatoj novembro-januaro. — *York:* La klubo decidis sendi al la Brita Esperanto-Asocio inviton por kongresi en York dum Pentekosto 1916.

### Hispanujo.

*Barcelona:* La Esperanta agado estas ĉiam vigla en la diversaj grupoj. S-ro D-ro Joaquin Coll, kiel la antaŭajn jarojn, malfermos kurson en la Universitato. — *Mieras:* Okazas du kursoj, por viroj kaj por virinoj. — *Valencia:* Pro la klopodoj de la tiea grupo estas eldonita en nia lingvo la belaspekta programo de la granda foiro. — *Vendrell:* Dank' al la senlaca propagando de F-ino Maria Julivert, la nombro de novaj samideanoj ĉiutage kreskas.

### Nederlando.

*Hago:* S-ro J. L. Bruijn paroladis ĉe la gejunula societo „Kennis is Macht“ (Scio estas Forto); esperebie kurso sekvos. — *Haarlem:* Kurso okazas ĉe poŝt- kaj telegrafoficistoj. — *Hengelo:* Fondiĝis nova grupo; S-ro C. F. Moorer faras kurson. — *Rotterdam:* Okazis la Nederlanda federacia kunveno, ĉe kiu ĉeestis delegitoj el diversaj grupoj. Estis diskutitaj demandoj koncernantaj la propagandon en Nederlando. — *Wormerveer:* La grupo organizis publikan kunvenon dum kiu paroladis S-ro Nutters.

## Norvegujo.

*Trondhjem:* S-ro Rian komencis kurson inter la lernantoj de la suboficirlernejo en Trondhjem. Aliĝis 23 lernantoj kaj unu suboficiro, kiuj montras grandan intereson.

## Serbujo.

*Ćuprija:* Kursoj okazis dum la somero post sukcesa parolado, en kiu oni precipe akcentis la utilecon de Esp. dum la milito. Entute lernis ĉ. 25 personoj. Instruas S-ro L. Berger, Del.

## Svisujo.

La nove starigita Oficejo de la Svisa Esp. Societo (10, Hotelgasse, Bern) regule funkcias kaj jam plenumis utilajn laborojn por la propagando. Oni povas sin turni al ĝi pri ĉio, kio koncernas la svisan Esp. movadon. — *Lugano:* La nove fondita grupo nun havas 22 membrojn. Nova kurso komencis kun 14 lernantoj. Instruas S-ro Charley. La urbaj ĵurnaloj publikigas grandajn artikolojn pri Esp.

## Brazilujo.

*Rio de Janeiro:* La gazetoj „Reformador", „A Rua", „A Noticia" publikigis bonajn artikolojn pri nia movado dum la milito. — *S. Feliciano* (Rio Grande do Sul): S-ro Francisco V. Lorenz, klera kaj malnova Esperantisto, forlasinte Idon, revenis al Esperanto kaj publikigis pri tio leteron en „Brazila Esperantisto". — *Teixeiras* (Minas Geraes): Sub la prezido de S-ro A. Conto Fernandes klubo fondiĝis en tiu urbo.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Nova administra jaro.** Je la 1. novembro komenciĝis por UEA nova administra jaro. Jam de pli ol dek-kvin monatoj furiozas la milito tra la pli granda parto de la „civilizita" mondo. Oni facile komprenas, ke tia tumultega periodo tute ne estas favora je la disvolviĝo de nia afero, kiu antaŭ ĉio postulas pacan kunvivadon de ĉiuj popoloj kaj reciprokan intergentan toleremon. Tamen, malgraŭ la malĝojoj, kiujn al ĉiuj kaj speciale al Esperantistoj, malŝparas la nuna tempo, ni nepre devas nin deteni je pesimismo, kiu ne sole neniam ion kreis, sed ankaŭ ofte pereigis tion, kio estas savebla, se la homoj streĉus sian energion por rezisti al la senkuraĝiĝo. Tial ni penu superregi niajn angorprematajn animojn por konservi tion, kion la laboremo de la Esperantistoj ekzistigis kun multe da penado kaj sinoferado. Ni subtenu niajn organizajojn necesajn por la postaj bataloj kaj niajn gazetojn, kiuj estas nun rilate al multaj el niaj samideanoj la sola Esperanto-vivsigno. Ni, laŭ la mezuro de niaj fortoj, laboru por nia alta celado sur la multaj kampoj, kie agado ankoraŭ estas ebla kaj povas eĉ ĝojige fruktodoni, kiel montras diversaj ekzemploj. Unuvorte ni ne lasu nin disbati per la eksteraj fatalaĵoj, sed ni energie reagu kontraŭ ili. Nur tiel nia afero pretervivos tiun teruran mondskuadon kaj montros sin kapabla por la gravaj postaj taskoj.

**Transsendado de leteroj al okupitaj regionoj.** — Krom la lokoj cititaj en nia septembra N-ro, paĝ. 106 (10), ni povas transsendi leterojn al la jenaj urboj de *Polujo:* Belchatow, Dabrowa, Dzialoszyn, Gorzkowice, Jedrzejow, Klomnice, Miechow, Nova Brzeznica, Nowo Radomsk, Olkusz, Pajeczno, Piotrkow, Rudniki, Sulejow, Szcerzow, Wloszczowa, Wolbosz, Wolbrom.

Ni ankaŭ povas transsendi (tra Cape Town) leterojn por la nun okupata germana kolonio *Sud-Okcidenta Afriko.*

Pro la specialaj cirkonstancoj ĉia transsendo estas farata sen garantio. La leteroj devas esti nefermitaj kaj legeble skribitaj, sen ia politika aŭ militista informo. Aldoni du internaciajn respondkuponojn je ĉiu sendaĵo.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 23,750 |
| 61. Ed. Elten, Hildesheim . . . . . . . . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 23,875 |

Entute (ĝis la 15 oktobro) 122 Garantiantoj mendintaj 191 atestojn, valoro 23,875 frankoj.

Al S-ro Elten, kiu per unu atesto jam fariĝis Garantianto dum aprilo 1913, ni kore dankas, ke per akiro de dua atesto li montris sian konfidon al UEA. Niajn membrojn, kiel la unuatestajn Garantiantojn, ni varme petas mendi la restantajn 9 atestojn, por ke baldaŭ la plena kapitalo estu subskribata.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 30 septembro estis enkasigitaj 2700 kotizaĵoj (el kiuj 144 subtenantoj kaj 144 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 103.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato septembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,704 | 1,975 |

*Tuta sumo:* 3,679. (Antaŭa monato: 4,763.)

**Novaj Delegitoj.**

*Burgstädt* (Germanujo, Sachsen). — D.: S-ro Curt Feder, asesoro, am Bahnhof 16.

*Coulommiers* (Francujo, Seine-et-Marne). — D.: S-ro Ferdinand Duviard, profesoro, route du Thiel.

*Ellsworth* (Usono, Ohio). — D.: S-ro Chauncy Case, pastro.

*Greenwich* (Usono, New York). — D.: S-ro L. W. Cronkhite, pastro.

*Horrem bei Köln* (Germanujo, Rheinprovinz). — D.: S-ro Th. Jung, presejo. Schulstr. 1.

*Kazanj* (Rusujo). — D.: S-ro Inocento Golovŝĉikov, studento, Universitato.

*Mansfield* (Anglujo). — D.: S-ro J. D. Rodgers, spicisto, 23, Portland str.

*Melbourne* (Aŭstralio, N. S. W.). — VD.: S-ro C. W. Ballard, „Akaroa", Elizabeth street, Malvern.

*Milton* (Usono, Pa.). — D.: S-ro E. M. Rumsey, ĉarpentisto, 23, Broadway.

*Nijmegen* (Nederlando). — D.: S-ro H. de Winter, oficisto, Station Staatspoor.

*Olot* (Hispanujo, Gerona). — VD.: S-ro Garganta, advokato.
*Staten Island* (Usono, New York). — D.: S-ro H. W. Fisher, inĝeniero, Huguenot Park.
*Vienne* (Francujo, Isère). — D.: S-ro H. Raffin, drapfabrikejo, 18, quai de Gère.

### Ŝanĝoj.

*Le Locle* (Svisujo, Neuchâtel). — D.: S-ro Paul Humberset, instruisto, 8, La Jaluse.

### Rimarkoj.

Pro mobilizo de la Del. oni sin turnu al jenaj anstataŭantoj:
*Astraĥan* (Rusujo). — D.: S-ro Sergio Sariĉev, kontoristo, kontora naslednikov Gubinakni T. A.
*Nagy-Körös* (Hungarujo). — D.: S-ro Antonio Khirer, ŝuisto, No. 1 ker-113 sr.

Provizore ne plu estas Del. aŭ Vicdel. en jenaj regionoj:

Delegitoj: *Bamberg* (Germanujo); *Danzig-Langfuhr* (Germanujo); *Doncaster* (Anglujo); *Enschede* (Nederlando); *Georgievsk* (Rusujo); *Gerona* (Hispanujo); *Goes* (Nederlando); *Jurjev* (Rusujo); *Kiel* (Germanujo); *La Roche-sur-Yon* (Francujo); *Loeben* (Aŭstrio); *Lostiĉe* (Aŭstrio); *Larrabee* (Usono); *Mainz* (Germanujo); *Newport* (Anglujo); *Oelnitz* (Germanujo); *Perth Amboy* (Usono); *Puebla del Dean* (Hispanujo); *Ruelle* (Francujo); *Southampton* (Anglujo); *Spokane* (Usono); *Tours* (Francujo); *Tomsk* (Siberio); *Ungvar* (Hungarujo); *Vinkovci* (Aŭstrio); *Vsetin* (Aŭstrio).

Vicdelegitoj: *Bizerte* (Tunizio); *Cromer* (Anglujo); *Hildesheim* (Germanujo); *La Rochelle* (Francujo); *Lugansk* (Rusujo).

### Adresŝanĝoj.

*Arnhem* (Nederlando). — D.: S-ro J. Ket, Bakenbergsche weg 22.
*Essen-Ruhr* (Germanujo). — VD.: S-ro Emil Freitag, Oberstr. 47, Rellinghausen.
*Melbourne* (Aŭstralio). — D.: S-ro Gerald Whiteford, 120, King street.
*Trondjem* (Norvegujo). — D.: S-ro R. Rian, Oevre Möllenberg 70.
*Washington D. C.* (Usono). — D.: S-ro J. A. Sheil, 309, Massachusetts Ave N. E.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro D-ro *Huber*, Esp-iano el Bern, kore dankas la jenajn personojn, kiuj tre afable akceptis kaj helpis lin dum lia vojaĝo: S-ro Christaller, Vicdel., Stuttgart, S-ro Blicher kaj edzino, Vicdel., Kopenhago, S-roj Klingenberg kaj Sletteröd, Del. kaj Vicdel. en Kristiania.

.·. S-ro *A. Soetens*, Del., Xa kvartalaro, Paris, tutkore dankas S-ron Vermandel, Del., Antverpeno, pro tre grava sciigo al li farita.

## Esperanto Ruĝa Kruco

Se la kuracistoj, flegistoj kaj virinoj de la Ruĝa Kruco, nur devus ĉiam flegi malsanulojn aŭ vunditojn parolantajn la saman nacian lingvon kiel ili, helpa lingvo ne estus necesa ĉe la sanigistaj institucioj.

Sed estas alie en multaj okazoj. Kaj la nuna milito, kiu interbataligas ne nur du popolojn sed multajn popolojn, plenigas la ambulancojn kaj la hospitalojn je vunditoj kaj kuracistoj parolantaj multe da diversaj lingvoj kaj ne ĉiam povantaj sin reciproke kompreni. *Dunant*, la fondinto de la Ruĝa Kruco, estis mem komprenintа la neceson de dua lingvo komuna, kiu permesus al la vunditoj kaj al tiuj, kiuj ilin flegus, sin reciproke kompreni, sen interpretisto.

En lia „Rememoro pri Solferino“, parolante pri la operacioj ofte tre gravaj, farataj al la vunditoj, jen tio, kion li diris: „Nun prezentu al vi tian operacion ĉe Aŭstro komprenanta nek italan lingvon nek francan, kaj lasanta konduki sin, kvazaŭ ŝafo al buĉo, ne povante interŝanĝi unu vorton kun siaj bonfaremaj turmentistoj!“ Kaj iom pluen, pri tiuj, kiuj mortis: „Ĉu tiuj mortintoj forlasitaj en la Castiglione'aj ambulancoj, en la hospitaloj en Brescia — el kiuj multaj ne povis komprenigi sin pro malsameco de lingvoj — estus ellasintaj la lastan spiron, malbenante, blasfemante, se ili estus havintaj apud si kompatemulon por ilin aŭskulti, por ilin konsoli?“

Tiaj du pecoj de la verko de la fondinto de la Ruĝa Kruco estas impresintaj nian bedaŭratan samurbanon, Kapitano Bayol, tiam kiam li nur estis ankoraŭ instruista Leŭtenanto ĉe la speciala milita Lernejo de Saint Cyr. Antaŭkalkulante ke, pro la ligoj ambaŭflanke faritaj la estonta milito lokigus en ĉiun partion personojn, parolantajn multajn malsimilajn lingvojn, kaj ke tiuj personoj en la sanigistaj institucioj, se mankus al ili facila interkomprenilo, ne sukcesus sin reciproke kompreni, li volis meti je la dispono de la estontaj malsanuloj kaj vunditoj, kiel de la anoj de la Ruĝa Kruco, difinitaj por ilin flegi, Esperanton, tiu lingvo komuna, tiel simpla, kaj precipe tiel logika, ke per iom da persistemo ĉiu povas ĝin lerni sola kaj sen profesoro, en la daŭro de iom da tempo. Kaj tiucele li eldonis, dum 1906, sian lernolibron: Esperanto Ruĝa-Kruco.

Ĉu oni devas pro tio atendi la subskribon de la paco por daŭrigi kaj pligrandigi la verkon, jam tiel bone komencitan? Certe ne, kaj tio des pli, ke unuflanke, kiel ni ĉi supre diras, oni povas lerni Esperanton dum la nuna milito sole kaj sen profesoro en la daŭro de nur kelkaj semajnoj, sufiĉe por kompreni kaj komprenigi sin; kaj ke, aliflanke, ne nur dum la milito sed ankaŭ dum la paco, la internacia lingvo povas fari servon al la Ruĝa Kruco. La Katastrofo de la tertremo de Sicilio tion pruvas.

Ke ĉiuj anoj do de la Ruĝa Kruco, el ĉiuj landoj, ne plu longe ŝanceliĝu komenci tiun lernadon. Kaj same agu la publiko, ĉar kiu povas certigi, ke ĝi ne estos iam, malsana aŭ vundita, ekstere de sia lando?

Ni ne povas cetere pli bone fini tiun artikolon ol tie ĉi transskribante la liniojn, kiujn skribis al S-ro Moynier, Prezidanto de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco en Ĝenevo, nia amiko, kapitano Bayol, por dediĉi al li sian lernolibron:

„Ke — li diris — la unuiĝo de la verda Stelo de Esperanto kun la Ruĝa Kruco de Ĝenevo, faciligante la internaciajn rilatojn, povu permesi al la homamaj personoj surportantaj la brakbanton de la Ruĝa Kruco, fari ankoraŭ pli da bono.“

Tiel ni certe helpados la grandan homan familion!

*L. Demarcy,*
Leĝoscienca Licenciato,
Prezidanto-fondinto de la Esp. Grupo Beauvais.

Represo de tiu artikolo en naciaj gazetoj estas konsilinda.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — Al ges-roj *Ferdinand Duviard*, en La Roche s. Yon (Vendée, Franc.), naskiĝis filo.

Al ges-roj *Risuke Tsuji*, en Osaka (Japan.) naskiĝis filo.

Al ges-roj *Francisko Pizzi*, Vicdel., Venezia, naskiĝis filo.

**Edziĝo.** — S-ro *St. Minkov*, Del., Sofia, kun F-ino *R. Stojanova*, instruistino, el Ŝumen.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-unua listo*

*Courtinat, J. M.*, el Francujo, Block 4, Baraque 8, Münster i. W.
*Mondini, D-ro A.*, el Stenico, civilkaptito en Katzenau bei Linz (Aŭstrio).

* * *

S-ro *Ant. Ráž*, Del. en Beroun (Bohem.), 88a Inf. Reg., 1a Komp., malaperis.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

CINCINNATI (Usono, Ohio). — S-ro Wm. C. Osterbrock, inĝeniera stud., 119—15th St.

LONDON (Anglujo). — S-ro A. D. Boyce, 39, Elmdale Rd., Palmers Green, PI (ĉiam respondos).

LUGANO (Svisujo). — S-ro Martellotta Arturo, 19, Via Pretorio, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

LYSS (Svisujo, Bern). — S-ro F. Müller, apotekisto, PM (kun ĉiuj landoj; ne sendos unue; tuj respondos).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro B. M. Rubinŝtejn, Orujejny per. d. 39a, PI (kun ĉiuj en la tuta mondo).

PHILADELPHIA (Usono, Pa.). — S-ro D-ro A. A. Jones, 1810, Jeffersonstr., L, PK (kun ĉiuj landoj).

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro Henk Goemans, 87a, Jonker Fransstr., L, PK, PM (serĉas ankoraŭ gekorespondantojn en Balkano, Suda Ameriko kaj ekstereŭropaj landoj [ne plu Usono]. Li scias: angle, france, germane, ruse, hispane, holande kaj Esp.).

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro W. F. de Jong Reiwyn, 11, Floriszstr., PM, PI, PK, L (bfl).

SAINTS (Francujo, Seine-et-Marne). — S-ro Léopold Charpentier, L, PK, PI (pri iu ajn temo kun ĉiunacianoj, eĉ francoj).

ST-GENIS-LAVAL (Francujo, Rhône). — S-ro Ch. Despeyroux, PM (kun kolektistoj de aliaj landoj). Sigelmarkoj.

SAINT-SAENS (Francujo, Seine-Inf.). — S-ro Jean Hartout, Le Sucheuil, L, PI (kun ĉiuj landoj).

TAŜKENT (Rusa Centra Azio). — S-ro N. Rudnickij, poŝtoficisto, L, PK, PI, gazetoj, ĵurnaloj. (Ĉiam respondos.)

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ĈIASPECAJN INSTRUMENTOJN KAJ APARATOJN por scienca aŭ teknika uzado rekomendas: Ehnisa Entrepreno Esperantista, 105, Hawthorne St., Brooklyn, N. Y. (Usono).

RUSAJ LEGENDOJ. — Deziras informojn pri verko, kiu enhavas aŭ pritraktas rusajn legendojn (prefere france skribita). Methodio Maranhão, Goyanna, aŭ Manuel & Cie., Rua Nova 21, Recife, ambaŭ ĉe Pernambuco (Brazil.).

MALOFTA PROPONO! — Jubilea-poŝtmarko *Holando 1813/1913*. Prezinf. diverslingv. (respondkarto, -kupono). H. F. Pothast, Brueghelstr. 63, 's Gravenhage (Nederlando).

RESTADO EN FRANCLANDO. — Studentoj-samideanoj dezirantaj komfortajn ĉambrojn, Esperantian akcepton, francan interparoladon, pianon, ĉiuspecajn leglibrojn, malnovajn, modernajn, klasikajn, fremdajn, skribu al S-ino Henriet-Nolotte, 33, strato Chabot-Charny, Dijon (Francujo).

# Karaktero

Ĵus aperis la 4a plibonigita kaj reviziita preso de **„Karaktero“** laŭ M. J. van Stipriaan Luiscius, advokato en Hago. En tiu moral-filozofia verketo, la aŭtoro pritraktas en 27 ĉapitroj la proprecojn de bona karaktero. Tre interesa por ĉiuj, kiuj sin okupas pri la demando de karakterformado. Prezo afrankite Sm. 0,25 ĉe la eldoninto J. L. Bruijn, Weimarstraat 282, Hago (Nederlando). Respondkuponoj, transpagiloj akceptataj.

# La Tutmonda Krucmilitiro de la 20a Jarcento

## por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito

*Mi ĝis lim' de vidopovo enrigardis l' estontecon,*
*Jen vizioj de la mondo kaj venontaj mirindaĵoj,*
*Jen ŝipetoj sur ĉielo pasis kun magiaj veloj,*
*Jen sur teron ili metas komercaĵojn multekostajn;*
*Jen aŭdiĝis kriadbruo kaj pluvgutis ros' de l' morto*
*De l' aeroŝipoj batalantaj meze de la bluo;*
— — — — — — — — — — —
*Ĝis silentis tamburado, kaj batalflagar' faldiĝis*
*En la Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo.* Tennyson.

Kiu neos, ke la glora poeto, Tennyson, dic inspiriĝis, kiam li antaŭdiris: „La Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo“.

Lia profetaĵo estas des pli rimarkinda, ke li antaŭvidis, antaŭ ol la homoj lernis la flugarton, ke homoj portus sian senhumanecon efektive al la pordoj de la Ĉielo mem — kiel atestas la cititaj versoj.

Lia profeta animo ankaŭ antaŭvidis la tempon, kiam „silentis tamburado, kaj batalflagar' faldiĝis en la **Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo.**“

Kaj tiu Federaci' de l' Mondo por la Paco jam estas proklamata de la „Civitanoj de l' Mondo“, kiu iniciatis *tutmondan krucmilitiron por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito.*

Kiam la lasta parto de la profetaĵo de Tennyson plenumiĝos, tiam la Homaro povos soleni sian veran maturiĝon. Ni jam estas en la 20a jarcento de la Kristana Epoko. Ĉu la 21a vidos la realiĝon de la Ĉielo de Paco sur la tero?

Ĉu la Milito estas la ĥirurgio de Dio, per kio la homo devas suferi sangelperdon, ĝis kiam li kredu, ke **„ĉiuj, kiuj glavon prenas, per glavo pereos“?**

Ĉiu leganto povas ludi la noblan rolon de kunbatalanto en la Krucmilitiro por efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito, kaj fari ĝin per la edukada metodo, ŝanĝi la korojn de homoj unu al alia.

Eminentaj pensuloj jam signifis sian simpation kun la laboro de la „Civitanoj de l' Mondo“. Aliaj legantoj, kiuj simpatias kun la nobla celo, efektivigi, ke tiu ĉi estu la lasta milito, devas legi la rimarkindan broŝuron eldonitan de la „Civitanoj de l' Mondo“.

Malmultaj povas legi tiun ĉi elokventan verkon sen deziro antaŭenigi la movadon ĝis: „la Parlament' de l' Homo, la Federaci' de l' Mondo“.

Precipe ĝiajn elokvente emociigajn vortojn ŝatos tiuj, for de kiuj la Milito jam forprenis parencojn kaj karulojn. Al tiuj la „Civitanoj de l' Mondo“ donas la oportunan okazon por realigi la noblan celon de tiuj, kiuj oferis siajn vivojn aŭ vundiĝis ĝis morto.

Ekzemplero de la broŝuro de la „Civitanoj de l' Mondo“ en Esperanto estas havebla senpage kaj afrankite al ĉiu leganto de tiu ĉi gazeto, kiu ĝin petos al

**La „Civitanoj de l' Mondo“,**
Tom-na-Monachan, **Pitlochry**, Skotlando.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO